JULIO, 1910



# BRAZILA ESPERANTISTO

OFICIALA ORGANO
DE
"Brazila Ligo Esperantista"

Elirante ĉiumonate—Apparecendo mensalmente
REDAKCIO — RUA SETE DE SETEMBRO N. 195
RIO DE JANEIRO — BRAZILIO



## ENHAVO



Rio de Janeiro — Brazilio

## ESPERANTO GAZETO

A «Gazeta de Noticias», unu el la plej ŝatataj kaj plej legataj brazilaj ĉiutagaj jurnaloj, decidis publikigi dufoje ĉiusemajne, specialan fakon titolitan «Esperanto Gazeto». Tiu fako aperis la unuan fojon la 27an de Junio.

Nenecese estas klarigi kiom grava estas la helpo kiun «Gazeta de Noticias» tiel faras al la poresperanta propagando ĉe ni.

De nun, tra la tuta vastega Brazillando, de Amazonas ĝis Rio Grande do Sul, ĉiuj legantoj de «Gazeta» (kaj ilia nombro estas nekalkulebla) havos oftajn, konstantajn, bonegajn informojn pri nia kara lingvo.

Nian koran dankon al "Gazeta de Noticias" kiu de nun fariĝis la vera oficiala organo de la brazila esperantistaro.

---

MALSERIOZAĴOJ. *Kurioza demando.* Iam venis al fervoja stacidomo kamparano kunportante grandan lignan kaĝon enhavantan porkon kiun li volis sendi per la vagonaro al proksima urbo. Sed kutime oni sendas porkojn ŝnurligitajn; tial la staciestro ne sciis kiom la kamparano devis pagi, ĉar en la tariflibro troviĝis kalkuloj por "birdoj en kaĝoj" kaj "bestoj ŝnurligitaj", sed ne por porkoj en kaĝoj."

Por solvi la demandon, la staciestro sendis al la Direktoro de l'fervojo la jenan telegramon: "Ĉu porko enkaĝigita estas birdo?"

---

La "Esperantista Familia Rondo" de Goyanna sciigas al ĉiuj Samideanoj ke ĝi estis fondita kiel klubo por la disvastigo kaj tutmonda interkomunikado rilate nia kara lingvo.

Por la inter rilato kun la brazilaj kaj aparte pernambukaj samideanoj oni petas komunikojn pri la nomo kaj sidejo de kia ajn alia asocio, aro aŭ klubo, kaj eĉ unuulo kiu konas aŭ lernas tiun ĉi inter komprenilon kaj volas korespondadi per ĝi.

Oni povas sin turni nome al la klubo supre nomata kies sidejo estas la urbo Goyanna, Ŝtato Pernambuko, (Brazilujo) aŭ al ĝia Sekretario.

La direktantaro: Sino B. A. Coura, prezidantino Frino M. C. Coura vicprezidantino, D-ro Methodio Maranhão sekretario, Sidejo: Goyanna, Pernambuco. (Brazil).

---

# BRAZILA LIGO ESPERANTISTA

Unuiĝo kreas forton

A Brazila Ligo Esperantista (Liga Esperantista Brazileira) cujo directoria é annualmente eleita pelos Congressos, tem por fim dirigir a propaganda do esperanto no Brazil em questões de interesse geral, proceder a exames de esperanto, dar diplomas de professores, auxiliar os grupos e representar em qualquer emergencia a opinião dos esperantistas brazileiros.

Sède—Rio de Janeiro, rua Sete de Setembro, 195.

Cotisação annual Cada grupo que adherir paga 10$ por anno e elege um delegado, de preferencia residente no Rio de Janeiro. Pode o Grupo escolher mais de um delegado, pagando nessa hypothese 10$ por cada um.

Qualquer pessoa pode isoladamente adherir á Liga, pagando a annuidade de 5$. Não ha joias.

Vantagens Os grupos que adherirem á Liga gozarão das seguintes vantagens:

*a*) Recebem o «Brazila Esperantisto» para os socios com abatimento de 20 % do preço da assignatura annual;

*b*) Por intermedio dos seus delegados são informados das decisões da Directoria da Liga, nas quaes tomam parte;

*c*) Gozam de abatimento nas edições da Liga, e nas encommendas que por meio della fizerem de quaesquer obras esperantistas;

*d*) Recebem da Liga todo o auxilio que esta lhes puder prestar, em beneficio da propaganda e diffusão do esperanto;

*e* Podem publicar no orgão official da Liga informações mensaes sobre o movimento esperantista local.

Nota.—*A Liga não intervem em assumptos referentes á vida interna dos grupos filiados, podendo estes agir livremente de accordo com os fins para que foram creados.*

Das vantagens *c*, *d* e *e* gozam tambem as pessoas que adherirem isoladamente á Liga, as quaes recebem o «Brazila Esperantisto».

A relação dos grupos filiados e das pessoas que adherirem á Liga será publicada no «Brazila Esperantisto» e no «Brazila Adresaro» a apparecer brevemente.

Chamamos a attenção das directorias dos grupos esperantistas e de todos os bons *samideanoj* maxime os que não fazem parte de grupos locaes para a conveniencia da adhesão á Liga, conforme o voto emittido pelo 3º Congresso Brazileiro de Esperanto.

As pessoas que desejarem adherir á Liga devem utilisar o seguinte boletim:

---

BRAZILA LIGO ESPERANTISTA

BOLETIM DE ADHESAO

1910

Nome.........

Profissão.........

Endereço.........

.........

Data e assignatura.........

.........

---

Escrever legivelmente e remetter, com a importancia da adhesão, sob registro ou vale postal, ao Sr. Edmundo Tribouillet, thesoureiro, rua Sete Setembro 195. O remettente receberá o cartão de membro da Liga, e o «Brazila Esperantisto.»

Quanto á adhesão dos grupos e demais informações, dirigir-se ao Sr. J. B. Mello Souza, 1º Secretario, rua Sete Setembro 195.

# BRAZILA ESPERANTISTO

OFICIALA ORGANO

de "Brazila Ligo Esperantista"

*3-a. Jaro.* — *Julio - 1910* — *Numero 1.*

| JARABONO: | Elirante ciumonate — Apparecendo mensalmente | |
|---|---|---|
| En Brazilio........... 3$000 | REDAKCIO — RUA SETE DE SETEMBRO N, 195 | Specimeno............ 0.f.,50 (0,S 20) |
| Eksterlande.......... 5.fr.,00 (2,S.) | Rio de Janeiro — BRAZILIO | Numero avulso....... 300 Rs. |
| | | Helpabono........... 10$000 |


## "BRAZILA ESPERANTISTO"

As dificuldades com que lutamos para editar o *Brazila Esprantisto* obrigaram-nos a demorar por alguns mezes a publicação do presente numero com que se inicia o 3º anno de nossa revista.

Terminado, porém, esse eclipse involuntario, recomeçamos nossa tarefa cujo exito depende tão sómente do auxilio que esperamos obter de nossos «samideanoj» que, certo, reconhecendo a urgente necessidade da manutenção do *Brazila Esperantisto*, não nos recusarão o concurso indispensavel das assignaturas e da collaboração.

Desde já manifestamos nossa sincera gratidão aos que, attendendo ao voto do 3º Congresso do Esperanto, desde logo resolveram contribuir com auxilios pecuniarios para a publicação do *Brazila Esperantisto*.

## AL LA ESPERANTA GAZETARO

Malsamaj kaŭzoj neebligis dum la lastaj monatoj la aperon de *Brazila Esperantisto*. Nun ni rekomencas ĝian eldonadon, esperante ke de nun nia revuo publikiĝos regule, scigante nian samlandanan samideanaron pri la progresoj de esperanto fremdlande kaj la frendan esperantistaron pri nia laborado kaj niaj triumfoj. Ni kore dankas la esperantistan gazetaron kiu, malgrŭ la neapero de «B. E.», ne ĝin forgesis kaj ne ĉesis sendadi al ni ĉiujn informojn pri tutmonda esperanta movado.

Koran dankon, do, al niaj afabaj kolegoj.

## BRAZILA LIGO ESPERANTISTA

Laŭ la Regularo de Brazila Ligo, la 3ª Brazla Kongreso de Esperanto elektis sian novan estraron por la jaro 1910-1911ª. Tiu nova estraro estas la jena:

*Prezidanto:* Dro. Alberto Couto Fernandes, supera oficisto ĉe la Ĝenerala Telegrafejo, prezidanto de Brazila Klubo Esperanto, membro de Lingva Komitato.

*Vicprezidanto:* Dro. João Keting, profesoro ĉe la Gimnazio de Campinas, membro de Lingva Komitato (reelektita).

*1.ª Sekretario:* João Baptista Mello Souza, oficisto ĉe la Ministrejo de l' Internaj Aferoj (reelektita).

*2.ª Sekretario:* Dro. Hernani da Motta Mendes, ĥirurgiisto, membro de l' organiza Komitato de la 4.ª Brazila Kongreso (reelektita).

*Kasisto:* Sro. Edmundo Felix Triboullet, oficisto ĉe la Ĝenerala Telegrafejo.

La Kongreso elektis Dron Backeuser honora prezidanto de Brazila Ligo, kaj esprimis la deziron ke ĉiuj esperantistaj grupoj aliĝualĝi.

La oficiala organo de B. L. E. estas *Brazila Esperantisto*, redaktata de ĝiaj sekretarioj.

Sidejo: Strato 7 de Setembro, 195, Rio de Janeiro.

## DANKESPRIMO DE D-RO ZAMENHOF

"Okaze de la kvindeka datreveno de mia naskiĝo mi ricevis grandegan multon da bondeziroj en plej diversa formo: telegramojn, leterojn, poŝtajn kartojn, gazetajn artikolojn, librojn, manuskriptojn, fotografajojn, k. t. p. io ĉi tio profunde min kortuŝis, kaj mi tre dezirus esprimi al ĉiu gratulinto aparte mian plej koran dankon; sed bedaŭrinde tio estas por mi fizike neplenumebla. Tial oni volu pardoni min, ke anstataŭ respondi aparte al ĉiu persono, aŭ almenaŭ al ĉiu gazeto, societo aŭ grupo, mi esprimas mian plej profundan dankon al ĉiuj kune, per ĉi tiu publika letero. La gazetoj Esperantistaj faros al mi grandan komplezon, se ili publikigos mian dankon.

Varsovjo, 20-an de decembro 1909.

*L. L. Lamenhof.*

Ni sciigas nian legantaron ke Brazila Ligo Esperantista sendis telegramon al D-ro Zamenhof salutantan lin okaze de la datreveno de lia naskiĝo.

Ankaŭ de D-ro Zamenhof ni rivevis la jenan poŝt karton:

25. I V. 10.

Karaj Sinjoroj

Ĵus mi riceʌis la cirkuleron pri la Tria Brazila Kongreso de Esperanto. Mi rapidas sendi al la Kongreso mian koran saluton, kvankam bedaŭrinde mia saluto venos jam tro malfrue.

Via

*Zamenhof.*

# TRIA BRAZILA KONGRESO DE ESPERANTO

## PETROPOLIS

Petropolis, la ĉarma kaj alloga Petropolis, unu el la plej belaj brazilaj urboj, estis dum kelkaj tagoj nia *Esperantujo*.

Tie okazis la tria granda kunveno de l'brazila esperantistaro; tie, do, ni atingis novan rimarkindan triumfon sendube pli gravan ol la antauaj plej gravaj triumfoj.

La plensukcesa efektivĝo de nia Tria Kongreso ankoraŭ unu fojon pruvis kaj vidigis kiom granda estas la progresado de esperanto en nia lando.

Antaŭ ĉio, notinda estas la helpado kiun ni ŝuldas al la Respublika Estraro kaj al la tuta gazetaro, ĉiam tre favoraj al ni. Dank, al tin helpo, vigla antaŭenpuŝo kreskigis la propagandon kaj ni ricevis multnombrajn altvalorajn aliĝojn.

Neeble estas detale raporti ĉion kio okazis dum la neforgeseblaj kongresaj tagoj, kiujn ni pasigis en la mirinda Petropolis; tial ni klopodos kiel eble plej bone sciigi nian legantaron per simplaj, rezumaj informoj pri la belaj solenaj festoj, gajaj ekskursoj kaj kunvenoj kiuj rememorigos al ni nian ĝojan rendevuon.

### Ricevo de l'gekongresanoj

Belega, vere neforgesinda estis la ricevo farita de niaj fervoraj Petropolisaj gesamideanoj. La 12^an de Majo, je la 7^a nokte, alvenis al Petropolss, en specialaĵ vagonoj de l'fervojo *Leopoldina* la plimulto el la gekongresanoj venintaj el Rio de Janeiro kaj proksimaj urboj.

Granda amaso da personoj ilin atendis ĉe la stacidomo. Oni ĝoje kriadis «Vivu Esperanto!» «Vivu Dro Zamenhof!» k. t. p. Troviĝis en la stacidomo la lerta muzikistaro «Euterpe» kiu boenege ludis la esperantistan himnon, pligrandigante tiel la entuziasmon kiu regis.

Kune kun siaj Petropolisaj amikoj la gekongresanoj iris en granda aro da veturiloj al la sidejo de Petropolisa Klubo. En ĉiuj vetnriloj vidiĝis verdaj flagoj kaj lanternoj, kaj brilis diverskoloraj artfajrajoj.

El la sidejo de P. K. la alvenintoj disiĝis, post interamikiga interparolado.

### Festo en Tteatro Floresta

Tiun saman nokton ni ĉiuj ĉeestis ĉarman feston dediĉitan al la Kongreso kaj okazintan en Teatro Floresta.

Ĝi konsistis el koncerto, kantado de esperantaj himnoj, kinematografaj lumbildoj, k. t. p.

### Prepara kunsido

La 13^an je l'tagmezo, okazis en salono de la Palaco de l'Urbestraro la prepara kunsido de l'Kongreso. Prezidis ĝin Dro. Napoleão Jeolás, prezidanto de la Organiza Komitato, helpita de Fino Avany Baggi de Araujo kaj S-ro Mello Souza, ĝiaj ge sekretarioj kaj de la nelacigebla komitatano kolonelo João Duarte da Silveira.



Malfermita la kunsido estis tuj aprobita la protokolo de l'lasta kunveno de la 2^a Kongreso.

Tiam, laŭ propono de Dro. Everardo Backhenser, estis aklamita per longa aplaŭdado, la jena Kongresa estraro:

Prezidanto: Dro. Antonio Carlos de Arruda Beltrão; 1^o Vicprezidanto: Dro. Reinaldo Geyer; 2^a Vicprezidanto: Napoleão Jeolás; 3^a Vicprezidanto: Dro. Ataliba Amaral de Araujo; 1^a Sekretario: Hernani da Motta Mendes; 2^a Sekretario: Dro. Alcibiades Correa Paes; 3^a Sekretario: José Juliano Vanzolini: 4^a Sekretarino: Fino Julieta Mello Souza.

Sckeve Sro Jeolás invitis laĉlektitojn sidiĝi je siaj lokoj, kaj D-ro Beltrão dankis la Kongreson pro la elekto de l'estraro kies li estis prezidanto.

### Solena malferma kunsido

Ĉe la luksa salono de Urbestrarejo, plena da distingindaj familioj, okazis nokte la solena malferma kunsido, unu el la plej belaj kongresaj festoj.

Malfermis la kunsidon Dro. Joaquim Moreira, presidento de l'Urba Registaro, kiu paroladis elmontrante grandan simpation je esperanto. Post salutis la Kongreson la jenaj delegitoj: José Michulovich,(rusa) riprezentinto de l'fremda esperantistaro; José Juliano Vanzolini de l'Grupo Suda Stelaro de Campinas; Dro. Couto Fernandes de l'Brazila Klubo Esperanto kaj riprezentinto de l'grupoj de S^o Paulo; Dro. Reinaldo Geyer, de l'grupo de Porto Alegre; Alekso Fanzeres de l'Laboristara Grupo kaj de Universala Esperanto Asocio; Kolonelo João Duarte da Silveira, de l'Petropolisa Grupo; Dro. Alcibiades Correa Paes, de l'Grupo de Aracajú; João Alfredo Desiderio Combat, de l'Grupo de Bomjardim; Fino Avany Baggy de Araujo, de l'Grupo Brazila Espero, de Campinas; Fino Julieta Mello Souza, reprezentantino de l'Grupo Norda Matena Stelo, de Pará kaj de l'Esperantistinaro de Guaratinguetá; Hernani Mendes, de l'Grupo E. de Alagoas; Dro. Ataliba Amaral de Araujo, riprezentanto de l'esperantistoj de l'Ŝtato Minas Geraes kai Dro. Oscar Napoleão Garcia de Souza riprezentanto de l'esperantistoj de Pernambuco.

Ankaŭ paroladis la riprezentantino de l'Grupo E. de Nicterohy, Sino Ricarda Backheuser, kiu prezentis al la ĉeestantaro sian trijaran ĉarman fileton João Carlos Backheuser. Tiu ĉi ankaŭ salutis la Kongreson per malmultaj vortoj, ricevinte longan aplaŭdadon pro la miriga lerteco per kiu li faris sian *paroladon*.

Sekve petis la parolon la prezidanto de Brazila Ligo, Dro. Everardo Backheuser kiu proponis ke oni elektu D-rojn Zamenhof, Joaquim Moreira, Grafo Affonso Celso kaj Medeiros e Albuquerque kiel honoraj prezidantoj de l'Kongreso. Surdiga aplaŭdado pruvis ke tiu propono estis tuj aprobata.

Fine paroladis Sro Deputato Medeiros e Albuquerque. Nenecese estas priskriki la intereson kiun elvokis la belega parolado dum kiu la fama

brazila verkisto kaj akademiano, per konvinkigaj frazoj pruvis la taŭgecon de esperanto kaj la grandegecon de l'ideo de lingvo internacia.

Je la komenco kaj finiĝo de l'kunveno multaj lernantinoj de l'muzika lernejo Santa Cecilia bonege kantis la himnon «Espero» samtempe ludita de orkestro direktita de Sro Paulo Carneiro.

Ĉeestis la kunvenon riprezentantoj de Sroj. Ministroj de Fremdaj Aferoj, de militaj Aferoj, de kelkaj Asocioj, Lernejoj, kaj de l'tuta gazetaro de Petropolis kaj Rio.

**Labora kunsido. Decidoj de l'Kongreso**

La 14^a^n matene kunvenis la Kongreso en la ĉambrego de Hotelo Bragança.

D-ro Arruda Beltrão malfermis la kunsidon kaj la Sekretario legis multajn salutajn telegramojn senditajn de niaj samideanoj el preskaŭ ĉiuj brazilaj ŝtatoj. La protokoloj de l'antaŭaj kunvenoj estes tuj aprobitaj.

Sekve oni diskutadis pri la kongresa tagordo kaj pri multaj proponoj celantaj la disvastigon de esperanto en nia lando.

La ĉefaj decidoj de l'Kongreso estas la jenaj :

*a*) La 3^a^ Brazila Kongreso de Esperanto elektis D-ron Everardo Backheuser *Konsilanto* de la Brazila esperantistaro, (elekto farita laŭ la deziro de l'lasta Internacia Kongreso).

*b*) La Kongreso decidis proponi la elekton de D-ro Reynaldo Geyer kiel membro de Lingvo Komitato, anstataŭ S-ro Arlindo de Souza, kiu eksiĝis;

*c*) Sciigi la prezidanton de l'Akademio pri la neceseco akcepti en ĝin riprezentanton de portugala lingvo, preferinde brazilano;

*d*) Konsili al ĉiuj brazilaj esperantistoj la aliĝon al Universala Esperanto Asocio, kaj la stariĝon de konsulejoj kai delegitoj de tiu Asocio en ĉiuj urboj ;

*e*) Elekti S-rojn Mello Souza kaj Querino de Oliveira riprezentantoj de Brazilujo ĉe la Sesa Universala Kongreso, okazonta en Washington dum la venonta Aŭgusto;

*f*) Komisii D-rojn Haroldo Amaral kaj João Keating por reprezenti la esperantistaron ĉe la «Kongreso de nstruado, baldaŭ kunvenonta en S^o^ Paulo;

*g*) Ke la 4^a^ Kongreso okazos en Juiz de Fora.

Krom tio, la Kongreso aprobis aliajn decidojn, pri kiuj ni raportas aliloke.

**Ekskurso al Crèmerie Buisson**

La 14^a^n je l'tagmezo, multaj veturiloj kunportis la gekongresanojn kaj invititojn al Crèmerie Buisson, ĉarmega kaj pentrinda farmo en la ĉirkaŭajo de l'urbo, kie oni pasigis kelkajn agrablajn horojn promenante, kantante kaj amuziĝante en gaja amika rondo.

**Kongresa balo**

Nokte okazis balo en ĉambrego de Hotelo Bragança, kie gastiĝis la plimulto el la gekongresanoj. Ĝi estes ĝojiga festo kiu daŭris ĝis la 1^a^ matene kaj konsistis ne nur el dancado, sed ankaŭ el ludoj kaj deklamado en kiuj partoprenis D-ro Beltrão, Hernani Mendes, Eustorgio Wanderley, Edmundo Tribouillet, Fino Julieta Mello Souza kaj aliaj.

**Diservo. Prediko de P.o Benedicto Marinho**

La 15^a^n je la 10^a^ pleniĝis je geesperantistoj, geinvititoj kaj petropolisaj familioj la Ĉefpreĝejo de Petropolis.

Ĉiuj ĉeestis solenan meson dum kiu estis kantataj de Fino Flora Montelro, D-ro Arruda Beltrão kaj Roberto Beltrão preĝoj esperante kaj Pastro D-ro Benedicto Marinho, fama religia oratoro, faris belegan predikon pri Esperanto kaj la Katolika Eklezio. En tiu prediko P.o Marinho, kiu estas fervora esperantisto, vere ravigis la aŭdantaron elmontrinte per mirindaj frazoj la belecon de nia ideo.

**Bapto de estontaj esperantistoj**

Antaŭ la meso okazis interesa religia cerimoj nio: la bapto de Verlande kaj Samideano, ĉarma filetoj de nia fervora kunbatalanto Kolonelo João Duarte da Silveira.

La baptogepatroj de l'unua estis D-ro Sá Earp kaj sia edzino, kaj de Samideano estis S-ro Mello Souza kaj Frino Maria Julieta Vargas.

Ni profitas la okazon por sincere gratuli Kolonelon João Duarte dezirante al liaj idetoj multajn feliĉojn kaj antaŭdirante ke Verlande kaj Samideano estos niaj bonaj samideanoj kaj varbos (se ankoraŭ necese estos) multajn samideanojn...

Post la diservo, ĉiuj geesperantistoj tagmanĝis kune en Hotelo Bragança, por festi la bapton de Verlande kaj Samideano. Dum la tagmanĝo oni faris kelkajn toastojn, tiam parolinte Kolonelo Duarte, D-ro Arruda Beltrão, Eustorgio Wanderley, Droj Sá Earp kaj Everardo Backheuser.

La lasta honora toasto estis farita de D-ro Backheuser al la plej malnova brazila esperantisto D-ro Baggi de Araujo.

**Lasta solena festo**

**Parolado de Grafo Affonso Celso**

Je la 2^a^ vespere efektiviĝis en Palacio de Crystal (*Kristala Palaco*) la lasta solena festo de l'Kongreso.

La urbestro de Petropolis, D-ro Joaquim Moreira, malfermis la kunsidon kaj donis la parolon al Grafo Affonso Celso.

Granda aplaŭdado aŭdiĝis tuj kiam la laŭreata verkisto kaj Akademiano stariĝis por paroli.

Neordinare belega estis la parolado de D-ro Affonso Celso kiu elkonfesis sian entuziasmon kaj simpation je nia afero, kaj, elmontrinte la gravajn servojn kiujn esperanto alportos al la Katolika Eklezio kaj al ĉiuj homaraj organizaĵo, konsilis al la esperantistaro la klopodon enkonduki devigan lernadon de nia lingvo en ĉiuj lernejoj.

Kiam nia *nova samideano*, la klera Grafo Affonso Celso finis paroli, la tuta multnombra ĉeestantaro entuziasme reaplaŭdadis.

Seviĝis koncerto, laŭ la jena programo:

«Espero», himno esperantista, kantita de l'lernantinoj de la Lernejo Sankta Cecilia;

«Romanco» de H. Oswald kaj «Air de Ballet» de F. Braga (violono) ludita de Fraŭlino Consuelo Leal;

«La muso» monologo deklamita de Frino Elfrida Kling;

«Senviva floro», poezio de Aŭgusto Ribeiro, muziko de Quirino Oliveira, majstre kantita de Profo. Carlos de Carvalho;

»Kanto de l'Ekzilo» kantita de Fino Flora Monteiro;

«Marcha Internaeional», (*Internacia Marŝo*) de S-ro Eustorgio Wanderley, kantita de Finoj. Isabel Meira, Elayde Castilho, Carmen Silva, Elisa Tanney, Alba Eloy, Avany Baggi de Araujo, Angelina Mercado, Lucy Eloy e Alice Fernandes Barros;

«La Verda Stelo», esperantista kanteto, muziko de D-ro Ferreira Penna, poezio de S-ro Mello Souza, ĥore kantita de multaj fraŭlinoj;

«Rapzodo», de Listz, ludita de Fino Fanny Guimarães;

«Antaŭen», esperantista marŝo, kantita de l'ernantinoj de Lernejo S. Cecilia.

Finiĝis la festo per la himno «Espero», kantita de ĉiuj geesperantistoj, kaj ludita de l'muzikistaro Euterpe.

D-ro Beltrão dankis la Urbestron, la gazetaron kaj la loĝantaron de Petropolis pro la afabla gastigo de l'Kongresanoj kaj fermis la Kongreson.

Post la belega festo en Kristala Palaco, ĉiuj geesperantistoj promenadis tra la urbo kaj la plimulto el ili prepariĝis por lareveno Rio'n.

### D-ro Jacome Martins Baggi de Araujo

Le plej malnova apostolo de esperanto en Brazilujo, la klera D-ro Jacome Martins Baggi de Araujo, kvankam loĝante en Petropolis, ne povis ĉeesti la 3an Brazilan Kongreson de Esperanto.

Malsano malpermesis al li eliri el sia domo kaj partopreni je niaj kunvenoj. Ĝi estas ankaŭ la kauzo de tio, ke antaŭ longaj jaroj ne povas nin helpi en la poresperanta batalado tiu kiu komencis la semadon kies fruktodonajn rikoltojn ni ĉiuj vidas.

Tutkore ni deziras ke nia kara D-ro Baggi de Araujo, resaniĝinte, realportu al nia rondo la altvaloran helpadon de lia klereco kaj sin donemeco,

### Agrabla surprizo

Kiam la geesperantistoj revenis el Petropolis, agrabla surprizo ilin atendis. En la stacidomo Alto da Serra troviĝis, kun sia familio, Grafo Affonso Celso, kiu tri iris adiaŭi la Kongresanojn.

D-ro Affonso Celso, sincere entuziasmigita, ree promesis ĉiam kaj ĉiel helpadi siajn samideanojn en la disvastigo de nia kara lingvo internacia.

Meze de bruega aplaŭdado oni aŭdis «Vivu la Grafo Affonso Celso!» kaj «Vivu Esperanto!» ĝis la foriro del'vagonaro kiu kunportis la geesperantistojn tre ĝojigitajn pro la afableco del'klera brazila verkisto.

### La Kongreso kaj gazetaro

La tuta brazila gazetaro tre favore raportis pri la Kongreso. Tamen ni devas speciale kaj dankeme citi la grandan ĉiutagan jurnalon «Gazeta de Noticias», unu el la plej ŝatataj en nia lando, kiu, la 12an de Majo dediĉis unu tutan paĝon (la 1a paĝon) al Esperanto. Ĝi publikigis portretojn de Dro Zamenhof, Boirac, Bourlet, de brazilaj esperantistoj, diversajn propagandajn gravuraĵojn, artikolojn, poeziojn, k. t. p.

— Ankaŭ «O Paiz» kaj «Gazeta da Tarde» aperigis bonajn artikolojn.

— La revuo «Revista da Semana» publikigis la esperantistan kanteton «Al Verda Stelo», poezio de S-ro Mello Souza, kaj dediĉita al la Kongreso kaj bonege kantita de l'lernantinoj de S-ro Paulo Carneiro, dum la lasta festo, laŭ ĉarmega muziko verkita de D-ro Ferreira Penna, profesoro ĉe la Normala Lernejo de Guaratinguetá.

— La «Revista da Epoca» publikigis informojn pri esperanto, portretojn, k. t. p. kaj la tre konataj revuoj «Fon-Fon» kaj Malho fotografaĵojn farotajn dum la Kongreso.

— La Petropolisa grava gazeto Cruzeiro publikigis en honora paĝo portreton de D-ro Baggi de Araujo kaj lian biografion.

— La Kongreso havis Delegitojn en multaj urboj, kiuj aperigis en la lokaj jurnaloj scüĝojn ricevitajn, Tiuj delegitoj estis en Pará, D-ro Nuno Baena; Maranhão, D-ro Agenor de Miranda; Piauhy, D-ro João R. Oliveira Bello; Ceará, Henrique Mendes; Parahyba, Pastro Mathias Freire; Pernambuco, D-ro Bianor de Medeiros; Alagoas, Paulino Santiago; Sergipe, Nyceu Dantas; Bahia, D-ro Magnus Sondhall; Espirito Santo, Araujo Primo; Estado do Rio, Honorio Leal; S. Paulo, D-ro Haroldo Amaral en la ĉefurbo, D-ro João Keating en Campinas kaj Nero Senna en Guaratinguetá; Paraná, Leopoldo Pereira; Santa Catharina, D-ro Adolpho Goeldner; Rio Grande do Sul, Murillo Furtado en Porto Alegre kaj Arno Ernst en la urbo Rio Grande Goyaz, D-ro Antonio Perillo: Matto Grosso, Aristides Paes Campos; Minas Geraes, José Soares de Carvalho en Bello Horizonte, Paulino Godolphim Bandeira en Juiz de Fóra kaj Alceu Novaes en Uberaba.

Laŭ ordono de nia registaro, la telegrafa interkorespondado de l'Kongreso estis senpaga.

### La 4a Kongreso

—Ĝis la 4a en Juiz de Fora! diris inter si la geesperantistoj kiam ili disiĝis.

Efektive, la 4a okazos en tiu granda kaj progresema urbo de l'Ŝtato Minas Geraes. La Organiza Komitato, jam elektita de la estraro de Brazila Ligo, konsistas el S-roj D-ro Ataliba Amaral de Araujo, prezidanto; Hernani Mendes, 1a Sekre-

tario; Honorio Rivereto, 2ª Senretario kaj Paulino Godolphim Bandeira, kasisto. Tiu komitato jam komencis labori por ke la 4ª Kongreso atingu sukceson ankoraŭ pli grandan ol la antaŭaj.

Ni do diras al ĉiuj niaj amikoj:

— Prepariĝu por iri al Juiz de Fora!

# VI CONGRESSO INTERNACIONAL DE ESPERANTO

Realizar-se-á de 14 a 20 de Agosto vindouro, em Washington, o VI Congresso Internacional de Esperanto.

Tal é o entuziasmo que reina, tão grande o numero de adhesões recebidas e tão valiosos são os recursos de que dispõe a Commissão Organisadora, que, á vista do genio emprehendedor e ousado dos norte-americanos, é quasi certo que esse Congresso exceda em exito e brilhantismo a todos os anteriores.

O progran ma definitivo do Congresso ainda não foi publicado; sabe-se, porèm, que com um trabalho intelligente e febricitante, estão em preparo festas prodigiosas, excursões bellissimas bailes, etc., além das solemnidades e sessões ordinarias do Congresso.

Na impossibilidade de publicar inegralmente as circulares expedidas pela Commissão Organisadora, damos em resumo, as informações que ellas contém.

—Fazem parte da Commissão Organisadora os Srs. John Barret, Director do Bureau das Republicas Americanas e presidente da *Esperanto Association of North America*; Edwin C Reed, Secretario da mesma *Association*; coronel Robert Harper, presidente do National Bank, professor Spillman, Wiliam Gude e out.as pessoas gradas.

—O cartão de congressista custa 5 dollars. Aos congressistas vindos do estrangeiros será restituida metade dessa importancia.

Devem ser encommendados os cartões ao Secretario da Commissão ou ao *Centra Oficejo*, rue de Clichy 51, Paris.

—Uma commissão está encarregada de receber os *samideanoj* esrrangeiros e outra de organisar a hospedagem com abatimento nos melhores hoteis de Washington. os Nhoteis de 1ª classe os congressitas pagarão tres dollars diarios; mas em outros bastante confortaveis, o preço é inferior. Haverá abatimento tambem nas estradas de ferro e vapores em que se fizeram as viagens e excursões posteriores ao Congresso.

—Haverá um grande torneio de baseball, interessante jogo nacional dos norte-americanos.

—Uma das festas mais bellas do Congresso será o *baile internacional*, ao qual comparecerão todos os congressitas vestidos segundo os seus costumes nacionaes ou regionaes.

—A Commissão Organisadora editou bellos cartões postaes e artisticos sellos commemorativos do grande *rendevuo*. Por 50 Sd. pode-se comprar 15 dos primeirss, ou 100 dos ultimos. Para encommendas e informacões dirigir-se ao Sr. Edwin C Reed, secretario da Commissão, Chamber of Commerce, Washington D. C.

A exemplo do que se fez em Barcelona, haverá um grande concurso litterario para o qual têm sibo propostos varios themas e conferidos premios que serão distribuidos em sessão festiva.

A Commissão Organisadora propõe os seguintes themas, para os quaes offerece bellas medalhas aos vencedores:

1—Para o melhor trecho em prosa (mil a duas mil palavras) sobre a *Universala Frateco*.

2—Para a melhor poesia (20 a 50 versos) sobre a *Universala Frateco*.

3—Para o melhor conto original (de 2.500 a 3.000 palavras).

4—Para o melhor conto original (de 2.500 a 3.000 palavras) escripto por joven de 15 a 20 annos de edade.

utros themas e os Opremios eorrespondentes: 1º Similhança entre Zamenhof e Lincoln—collecção de obras do Dr. Zamenhof luxuosamente encadernadae; 2º Utilidade do esperanto para os cegos—premio offerecido por Th. Cart.; 3º Utilidade do esperanto para o commercio—um rico ocjecto de arte—premio offeracido pela Chamber of Commerce de Washington.

Convite diplomatico official.—Communicanos o Sr. Reed, Secretario da Commissão Organisadora, que o Governo dos Estados Unidos ordenou a todos seus representantes diplomaticos no estrangeiro que convidem officialmente os Governos, junto aos quaes estão acreditados, para que estes se façam representar no 6º Congresso Universal de Esperanto.

Esse acto do Governo Norte Americano é, sem duvida, uma relevantissima victoria para nossa causa, pois é de crer que attendendo a esse convite, grande numero de paizes enviem delegados officiaes ao Congresso.

—Pelo Congresso de Petropolis foram designados os Srs. Mello e Souza e Quirino de Oliveira para representar os esperantistas brasileiros no Congresso Universal de Washinhton.

# ESPERANTO

## ĈE OFICIALAJ LERNEJOJ

Malfermis de cursoj ĉe Modelaj lernejoj.—Plezure ni sciigas nian legantaron pri gravega triumfo kiun la agema Brazila Klubo Esperanto ĵus sukcesis atingi: la malfermo de kursoj de esperanto ĉe la Modelaj Lernejoj de nia ĉefurbo.

Dank'al la klopodoj de l'estraro de B. K. E. D-ro Silva Gomes, Direktoro de l'Publika Instruado konsentis je la malfermo de tiuj kursoj; kaj Fino

